


de la Federación Española de Esperanto






**Nº 302 (AUG) SEPTBRO - OKTOBRO 1991**

**EKSTERORDINARA**

# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO



*Centra Oficejo:*
c/ Rodriguez de San Pedro, 13. 3°. p-7.
28015 MADRID
Tel: (91) 4-46-80-79

*Prezidanto:*
Antonio Alonso Núñez
Apartado 714
E-15780 SANTIAGO DE COMPOSTELA
Telefono kaj fakso: 981-59-80-05

*Sekretario:*
Manuel López Hernández
Apartado 369
41080 SEVILLA

*Vicprezidanto:*
Alberto Franco Ramirez

*Vicsekretario:*
Luis Gil Pérez

*Estrarano pri kontado (kasisto):*
José Mª Bernabeu Franco
Gral Primo de Rivera, 6
03360 CALLOSA DE SEGURA
Alicante
Konto:
Ctta Ahorro n° 83100-272 de Hispana Esperanto Federacio en Banco Español de Credito en Callosa de Segura.

*Libroservo de HEF:*
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID

*Fundación Esperanto*
Sekretario: Enrique Piquero
San Vicente de Paul,1, 1°.
50001 ZARAGOZA

*Junulara Sekcio (HEJS)*
Prezidanto: Iñaki Gauna
Domingo Beltran, 42, 4° D.
01012 GASTEIZ-VITORIA

*Ĉef-redaktoro de Boletín:*
Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe, 27-29, 9° C.
50002 ZARAGOZA

*Redaktoroj kaj kunlaborantoj:*
Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutierrez Aduriz


## ENHAVO



*Kovrilo:*

**Inaŭguro de memorplato honore al Esperanto sur placo de Puerto de la Cruz**

***Noto:*** **Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.**

# La omaĝo al profesoro Don Juan Régulo

La 51ª Hispana Esperanta Kongreso en La Laguna jam okazis. Ĝi fariĝis parto de nia historio, kaj eniros en la analojn de la Movado kiel la kongreso dediĉita honore al prof. Régulo Pérez. Kaj vere oni omaĝis lin, ne per simplaj paroloj sed per la privilegia lingvo de la dioj: la Poezio... Kiel li ja meritas!

La organizinto de la Poezia Festo, la elstara hispana poeto Miguel Fernández Martín, faris el tiu "Unua Lirika Festo de HEF" mirindan kreaĵon, brile prezentante en la scenejo de La Laguna belegan bukedon da poemoj, ĉiu el ili kun la distinga sigelo de alta kvalito kaj la fantazia signo de veraj artaĵoj, naskiĝintaj en la mensoj de aŭtenta elito de poetoj el Esperantio. Ne malpli oni ŝuldis al nia ŝatata Profesoro, ĉar, kvankam fizike for de la prezentado pro sia grava malsano, oni perceptis lian ĉeeston en la koro de ĉiu kongresano kaj en la inspira momento generinta la poemojn verkitajn omaĝe al li.

Kun admiro, emocio kaj ravo, oni aŭskultis la versojn de la poemo *Leto* de Pieter Cornelis Boutens, unu el la grandaj nederlandaj poetoj, tradukita al Esperanto de nia kolego d-ro. Verloren Van Themaat; kaj ankaŭ la belan poemon *Kiam* de la maltano Carmel Mallia, kiu plenigis nian spiriton per nedifineblaj dolĉaj duboj; kaj la *Poemon de Utnoa* de nia kataluna samideano Abel Montagut, majstre prezentanta al ni la biblian miton de Noa kaj la diluvo per aktualaj versoj nerezisteble logaj, kun la klare perceptebla ritmo de la antikvaj rapsodoj helenaj; kaj la ĉarmajn strofojn de la lirika rakonto *La spegulo de Velodaĵo* de la inspirplena Silfer... ili ĉiuj lerte deklamitaj kun adekvata akompano de muziko. En la fino, *Adiaŭo* de Jozefo Angles, poemo kvazaŭ flugo de birdo, tradukita de Salvador Gumá el la kataluna.

Kaj se ni tion emfazis la poemojn deklamitajn en la unua sesio, kiel priskribi al vi la sensacojn el la dua prezentado? Eksterordinare valoraj kaj plezurigaj estis la poemoj de du junaj poetoj, la portugalo Gonçalo Neves kaj la madridano Georgo Kamaĉo, ne plu promesplenaj trezoroj sed evidentaj realaĵoj brilantaj propralume per moderna poezio je multaj karatoj. Seriozaj, trafaj kaj aktualaj, la poemoj kun profunda socia enhavo de Marco Petroviĉ; delikata kaj melodia, la poemo *Afrodita* de la ruso Boris Kolker. Ha, kiel ĝuis la ĉeestantaro aŭskultante en religia silento la recitadon de la neimiteblaj versoj de tiu, nia granda poeto, nomata Gabriel Mora i Arana, kies poemo *Kiel tute alia deĉifrado de la Rosetta-ŝtono* rakontas al ni en introspekta rememoro la delikatajn zorgojn de sentiva naiva infano antaŭ la kruelo de mondo reala, ideoj envolvitaj en la ritmo sonora kaj poezio reva de kompleta poeto. En tiu sama sesio brilis altnivele la grandioza poemo de la sudafrikano Edwin de Cock *La konflikto de la epokoj* kaj la ĉarma eseo de A. Marco Botella *La origino de la kastilia liriko* samtempe malkovrante kun la historia beletra raporto la azahar-aromon de la mezepoka poezio

hispana-araba, dum vibradis en la aero la melodiaj sonoj de "Serezado" de Rimsky Korsakov...

Metis finon al la Lirika Festo, post tria sesio, *La profil' de viaj spuroj* miksaĵo de poezio kaj muziko, respektive kreitaj de Miguel Fernández kaj Pedro Vilarroig, kiu ĉarmis la ĉeestantaron. Admirinde deklamis Ana Manero kaj Pedro Garrote kun Miguel Fernández mem, dum la koruso "Verda Stelo" de Madrido kantis gvidata de la magia taktobastono de Vilarroig.

Tia estis skize la Unua Lirika Festo de HEF, speciale kreita por omaĝi nian karan Profesoron.

Ne, ne pravas tiu alta oficisto de UEA, kiu malĝentile kaj malbonintence skribis, ke vole HEF tro prokrastis ĉi tiun omaĝon al s-ro Régulo. Konsilinde estas silenti kiam oni ne scias kion oni diras. Ŝajnas do konvene rememori, ke jam en la jaro 1969[a], okaze de la 29[a] HEF-kongreso en La Laguna, nia Federacio omaĝis la figuron de prof. Don Juan Régulo, kiun fakton verŝajne ignoras certaj altranguloj de UEA, sendube pli kompetentaj pri monaj aferoj ol pri omaĝoj. Iom pli malfrue, ĝuste en 1983[a], okaze de lia vizito al Zaragozo por prelegi en la 75[a] datreveno de la fondo de "Frateco" kaj 43[a] HEF-kongreso, ni diskrete sugestis al prof. Régulo mem specialan omaĝon al li en la kadro de alia HEF-kongreso, sed li, tute bonfarta tiam, ne akceptis. Poste ekzistis aliaj nerektaj konsultoj ankaŭ nesukcesaj. Nur pasintjare Davila Dorta konsentis fari demarŝon en tiu senco kaj, sendube danke al la persona influo de Antonio Ferrer Hervas, ni atingis la sopiratan permeson por organizi ĝin. Ni dankas lin pro tio. Kontraste kun ĉio ĉi, la seĝo rezervita dum la omaĝo por la reprezentanto de UEA obstine vakis.

Specialan dankon al la OKK, kunorganizanto kun ni de la Kongreso, kiu tiom strebis por sukcesigi ĝin. Dankon al nia bona amiko Miguel Fernández Martin, genia kreinto de la Lirika Festo, kies organiza penado dum la tuta jaro forrabis lian tutan disponeblan tempon kaj pensadon. Al la plejado de grandaj poetoj kiuj kunlaboris per siaj poemoj en la Festo, al la multaj anonimaj kunlaborantoj sen kies kontribuo la Kongreso ne estus sukcesinta, al ĉiuj, dankon en la nomo de Hispana Esperanto-Federacio. Al tiuj, kiuj nomas sin amikoj de prof. Régulo sed ne movis eĉ unu fingron por kontribui al la sukceso de la Festo, al tiuj nian forgeson!

Kaj la Feston kaj la Kongreson ni plenkore oferas al nia ŝatata profesoro Don Juan Régulo Pérez.

Antonio Marco Botella

# Fundación Esperanto

## INTERNACIA LITERATURA KONKURSO

La patronaro de la "Fundación Esperanto" decidis dum kunsido okazinta la 15-an de junio de 1991-a organizi Internacian Literaturan Konkurson en Esperanto. Estos premio kaj subpremio.

## PREMIO
## "SANCHO-REBULLIDA"

Premio: 12.000 pesetoj kun konfirma diplomo.
Subpremio: 6.000 pesetoj kun konfirma diplomo.

Oni aljuĝos la premiojn al la du plej bonaj verkoj libervole elektitaj en la temo: "Popola Rakonto".

### REGULARO

1) Ĉiu konkursaĵo ampleksu 4-6 foliojn.
2) Ĉiu konkursanto sendu kvin ekzemplerojn de la konkursaĵo tajpitajn laŭ duoblaj interlinioj, kun la indiko: "Konkurso de **Fundación Esperanto**, premio Sancho-Rebullida".
3) La konkursaĵoj estu subskribitaj per pseŭdonimo por kaŝi la identecon de la Konkursanto, kaj en aparta fermita koverto, surhavanta la identigan pseŭdonimon, estu slipo kun la nomo kaj adreso de la konkursanto.
4) Kiam publikiĝos la Verdikto, publikiĝos samtempe la nomoj de la juĝintoj.
5) La dat-limo (laŭ la poŝtstampo) por sendi la konkursaĵojn estas la 30-an de septembro 1992-a. La Verdikto publikiĝos en la Tago de Zamenhof, la 15-an de decembro 1992-a.
6) Oni sendu la tekstojn al S-ro Enrique Piquero, Morería, 6, 5° D, 50004 Zaragoza / Hispanio.

Zaragoza la 15-an de junio de 1991-a

Enrique Piquero

Sekretario de la **Fundación Esperanto** kaj de la konkurso.

# Sur la spuroj de la

# 51a HISPANA KONGRESO

Post 22 jaroj HEF revenas al Kanariaj Insuloj por okazigi alian kongreson en La Laguna, kie loĝas Dro Juan Régulo Pérez, eminenta homo kiu riĉigis la kulturon esperantistan per sia erudicia talento, longedaŭra servado al nia Movado, giganta agado per la eldonejo "Stafeto" kaj multenombraj aliaj klerigaj laboroj. Ni revenis kvazaŭ pilgrime por omaĝi tiun elstaran figuron, kaj ankaŭ por kunrestadi kelkajn tagojn kunj niaj kolegoj, la esperantistoj de la rondo ESTO, plej grava Esperanta Grupo en tiu paradiza insularo, kaj kune trastudi laŭte niajn aktualajn problemojn, debati niajn diversajn opiniojn kaj serĉi la solvojn plej adekvatajn kaj irendajn vojojn...

Jes, ni faris nian laboron sed ni nin sentis iom orfaj, ĉar Don Juan ne povis helpi nin. Malfeliĉe, li ne povis akcepti nin tiel diligente kaj afable kiel antaŭe, ĉar lia sanstato estas delikata, tre delikata. Ĉi-foje, eĉ lia ĉeesto dum kelkaj minutoj ĉe la prezidejo kun la aŭtoritatuloj okaze de la Inaŭguro en la ĉefsalono de la Universitato estis tute neebla, kaj devis esti lia filino kiu okupis la honoran prezidlokon reprezentante lin.



Nur tri personoj akompanante lian amikon Ferrer Hervas povis viziti lin post la solena Inaŭguro, nome la Prezidanto de HEF, la Direktoro de la Lirika Festo kaj la Redaktoro de "Boletin". Dum kelkaj minutoj ni alparolis lin pri niaj projektoj, niaj problemoj, nia estimo al li. Plenkonscia, li aŭskultis nin, palpis nian emocion kaj zorgojn pri li, komprenis la aman mesaĝon kiun ni kunportis al li venantan de la kongresanaro... kaj neeviteble, li alarme emociiĝis. Nepre,ni devis rapide lin forlasi, sed tiun momenton, mi povas certigi al vi, mi neniam forgesos.

Tiu estis kvazaŭ la prologo al tiu historia kongreso,dua okazinta en La Laguna, sur kies spuroj ni komencas nun nian priskribon, niajn komentojn; sed obeante la kronologiajn postulojn ni revenu al la unuaj horoj, t.e. al la

## Unua kongrestago

Ĉar la plej gravaj Esperantaj Grupoj de nia duoninsulo -- organizis siajn vojaĝojn por kongresi en La Laguna, ni en apartaj grupoj flugis al Kanariaj Insuloj; jen kial la kongresanoj ne alvenis al la kongresejo amase, kiel kutime okazas

ĉiujare, kaj ĉar kelkaj loĝas en la universitata restadejo mem, kaj aliaj eĉ en malsamaj urboj de la insulo, ni venis iom post iom kaj renkontiĝis en la halo de la Universitato pri Integraj Studoj (ĉi-jara kongresejo) por konfirmi nian ĉeeston kaj preni niajn kongresdokumentojn. Tiel, sen premoj, okazis la agrabla momento de la resaluto: amikoj, aŭ tute simple esperantistoj, plaĉe kaj trankvile sin reciproke salutis denove post unu jaro, aŭ eble pli, montrante grandan ĝojon... Vere, plezurigaj momentoj!

Preskaŭ je tagmezo okazis Diservo por katolikoj, kaj je la fino, la unua kunsido de la HEF-estraro por pretigi kaj komenti la tagordon de la Ĝenerala Asembleo.

Tagmeze -kvankam ne esperanta programero sed tamen inkludita en la kongresprogramo kiel vidinda tipa kuriozaĵo- atentinda nombro de kongresanoj, inter kiuj la redaktanto de tiu ĉi kroniko, rigardadis en La Laguna la Regionan Folkloran Pilgrimadon al Sankta Benedikto, patrono de la Tenerifaj kamparanoj. Tiu ĉi tradicia popola pilgrimado konsistas el multaj ĉaroj bele ornamitaj tirataj de bovoj, kaj sur ili gejunuloj tipe vestitaj kantas, klakigas kastanjetojn, ludas gitarojn, tamburas... Sur la ĉaroj, krom la gejunuloj, ankaŭ korboj da fruktoj kaj eĉ fajrujoj rostantaj viandon, kiun manĝas senĉese ne nur la surĉaraj gejunuloj, sed ankaŭ aliaj piedirantoj, kiuj alternigas la manĝadon kun la trinkado kaj dancado ĉirkaŭ la pezaj ĉaroj lante grincantaj sur la stratoj. De tempo al tempo, dum sonadas la indikitaj instrumentoj, la pilgrimantoj ĵetas al la rigardanta publiko aŭ inter si kuiritajn terpometojn aŭ pecojn da "gofio" (tipa kanaria farunaĵo) sufiĉe bongusta.

Sendube tre kurioza brilkolora spektaklo, kiun Dro Régulo majstre eksplikis al ni antaŭ 22 jaroj.

Posttagmeze, unue, malfermo de la Libro-Servo en salono de la Universitato, poste Fakaj kunsidoj kaj ankaŭ "Unua kolokvo pri gramatiko" gvidata de Aurelio Solis, oportuna okazo por debati eventualajn prigramatikajn punktojn aŭ misinterpretoj de reguloj. Protagonistoj la kompetentuloj pri lingvistiko kaj specialistoj pri tiuj temoj.

# Dua kongrestago.- La inaŭguro.

Jam estis preskaŭ la 11a matene kiam la kongresanaro okupis la sidlokojn de la Paranimfo (festsalono) de La Laguna Universitato por la Inaŭguro. En la prezidejo, la Vicurbestro de La Laguna, reprezentantoj de "Cabildo Insular", Universitato, Societo "Amikoj de la Lando" kaj konsulo de Venezuelo. Kun ili Ana Régulo, OKK kaj la Prezidantoj de la Lirika Festo kaj de la Federacio. La Prezidanto Alonso iris ĝis la podio kaj elokvente alparolis al la ĉeestantaro en la hispana kune kun resumo en Esperanto, ĉar ni deziris rekte sciigi la gravulojn kaj la ĵurnalistojn pri la signifo



kiun nia ĉi-jara kongreso havas. Jen lia parolado iom resumita:

*"Tiu ĉi, nia nova kongreso, havas du tute specialajn aspektojn, nome, ke ĝi antaŭ ĉio celas omaĝi nian amatan prof. Don Juan Régulo , kiel ankaŭ lian amatan familion, kaj ke la ĉefa ero de tiu omaĝo konsistu el brila specimeno de la esperanta kulturo kiun prof. Régulo tiom profunde amas kaj tiom altnivele flegadis".*

*"Mi invitas vin ĉiujn -gravulojn kaj ĵurnalistojn kiuj nin honoras per sia ĉeesto, kiel ankaŭ ĉiujn personojn- veni kun ni viziti en la ĉambro de nia Libro-Servo,la kolekton de la 93 titoloj eldonitaj de prof. Régulo laŭlonge de tiuj fruktodonaj jardekoj dum kiuj li gvidis la faman eldonejon "Stafeto": Laŭ nia kompreno kaj sentoj, tia libroserio konsistigas laŭrokrono por prof. Régulo multe pli valoran ol tiu certe tre valora kaj impona Serta Gratulatoria, tiu kvarvoluma, pli ol trimilpaĝa gratulgirlando, kiun verkis honore kaj danke al li pluraj dekoj da kleruloj en plej diversaj landoj okaze de lia emeritiĝo".*

*"Kaj surbaze de la ekzisto de tiu kolekto mi deziras prezenti al via konsidero kaj apreco plurajn aferojn al ĝi intime rilatajn: Antaŭ ĉio, vi jam rekte komprenas kial --kiel mi jam diris en mia saluto en la Kongreslibro- la nomoj Kanariaj Insuloj, La Laguna, Eldonejo Stafeto, prof. Régulo Pérez vekas en ĉiu uzanto de Esperanto la profundajn sentojn de danko, admiro kaj fiero kiujn ni portadas en niaj koroj kaj mensoj: Ĉar tia kolekto ne nur riĉigis nin ĉiujn, sed ankaŭ plej brile konfirmis la kvalitojn de la lingvo Esperanto kaj samtempe trudis devizon kaj celon al ĉiu serioza aŭtoro, eldonista aŭ simpla uzanto de Esperanto, nome, ke ni ĉiam strebu atingi la nivelon de la libroj de "Stafeto" -kaj ne nur laŭ enhave, sed ankaŭ laŭ digna prezento kaj vesto".*

*Ni ĵus parolis pri la frukto de la agado, de la laborado. Sed ni devas ankaŭ rigardi de pli proksime tiun agadon mem, la kondiĉojn en kiuj tia laborado okazis. Kaj tiu nia*

*danko subite iĝas enorma, superverŝas niajn korojn, ĉe la konstato, la sciiĝo, ke ĉion subtenis konstanta oferado: oferado financa por modesta ekonomio, oferado per preteratento eĉ al la propra akademia kariero kaj -fine sed ne laste-ankaŭ ĉiuflanka oferado familia kaj de la familia vivo".*

*"Jen kial -kiel mi ankaŭ diris en la Kongreslibro- prof. Don Juan Régulo kaj lia familio, tute speciale lia edzino kaj filinoj, plene eniris la vicojn de personoj al kiuj plej prave aplikiĝas la bela hispana-latina esprimo beneméritos, t.e. bonmeritaj. Mi tial petas aplaŭdon de vi ĉiuj por konfirmo de tio, ke ĉiuj anoj de Hispana Esperanto-Federacio, ĉiu uzanto de Esperanto kaj ĉiu persono de bona volo efektive konsideras ilin beneméritos"*

(Fortan ĉies aplaŭdon konfirmas tiun titolon). Tiam sin turnante al la prezida tablo Sro Alonso daŭrigas:

*"Instituciaj moŝtoj, ni ĉiuj bone scias ke tian kaj aliajn distingojn jam ricevis de vi prof. Régulo Pérez: la nomumo "Distinginda Filo de La Laguna", unu placo de via urbo portas lian nomon, tuj aperos la kvara kaj lasta volumo de la jam citita Serta Gratulatoria, k.s. Sed ja estas por ni grave ke vi konstatu, ke similajn sentojn kaj distingojn profunde kuŝas en la animo de la uzantaro de Esperanto".*

*(Plu sin turnante al ili): "Atinginte la diritan punkton, ni devas iom flakeniĝi por publike respondi demandon kiu tre probable naskiĝas en multaj personoj rilate la esperantan agadon de prof. Régulo: Jes, ni konsentas pri la personaj meritoj kaj laboroj de li, tiel ke ni plendeve lin nomas benemérito. Tamen, aldone al tia agnosko de liaj personaj kvalitoj, kian estontecon havas la frukto de tia oferado, la frukto de "Stafeto"? Ĉu malgraŭ la granda oferado, temas pri vana laboro, sen estonteco, kvazaŭ temus pri la klopodo obstine plugadi sulkojn en la maro kun la vana espero ke ili fariĝu firmaj kaj ne efemeraj? T.e., ni venas al la demando, kian estontecon havas Esperanto? Ĉu ni, uzantoj de tiu interlingvo, ne same vane klopodas?. Evidente, ne estas tiu ĉi la okazo longe malvolvi pri tio. Sed antaŭ ol repreni nian ĉefan temon por lasta paragrafo de ĝi, ni povas prezenti al vi ĝermon por tia respondo, kiu samtempe iom klarigos al ne-uzantoj de Esperanto la sintenon de la uzantoj, kiel ankaŭ la kaŭzojn de tia sinteno: La komunikado intranacia estas tuja senpera, rekta fluida. Por la internacia komunikado ni bezonas*

*samkvalitan situacion, kvankam estas absolute evidente por ni ĉiuj ke ne tiel statas la aferoj, malgraŭ la fortaj investoj ĉe lingvostudado, malgraŭ la sintrudado de la lingvoj de la grandaj potencoj (nuntempe, ĉefe, de la angla lingvo), tiel ke ne estas antaŭvideble ke laŭ la nuna superreganta tendenco oni venos al la bezonata situacio."*

*"Krome, kvankam ja ne la solaj en la mondo, certe la uzantoj de Esperanto havas la komunan trajton, ke ili ĉiuj estas "amantoj de la parolo", de la rekta kaj homeca komunikado, tiel en la intranacia kiel en la internacia vivo. Ĉia kontentiĝo aŭ rezignacio je malpli alta nivelo estas konsiderata de tiuj uzantoj nedigna de homeco;kaj tiom longe kiom tia nedigna situacio daŭros, daŭros ankaŭ la sopirado kaj la klopodoj veni al adekvata komunikeblecoj je la internacia nivelo". "Fine, tiuj uzantoj opinias, ke al tia nivelo oni ne povos veni, krom per uzado de specife muntita interlingvo, kun jenaj du esencaj ecoj: Facileco, kaj neŭtraleco. Kaj ili asertas, kaj ili sentas sin pravaj en tia aserto ke tiom longe, kiom tia interlingvo ne enuziĝos, plu ekzistos la sopirado kaj la klopodoj enuzigi ĝin, tiel por adekvata internacia rolo, kiel por ŝirmado de la unuopaj, etnaj, naciaj lingvoj kaj kulturoj".*

*"Jen kial, resume, ni kun aplombo asertas, ke ne estas vana la klopodado de prof. Régulo Pérez, ke ne estas vana la klopodado de ĉiuj uzantoj de la interlingvo Esperanto. "Reprenante nun la finan pinton de la fadeno de nia ĉefa temo, mi havas la ĝojon inviti vin ĉiujn, uzantojn aŭ ne de Esperanto, nepre ĉeesti la tuton aŭ almenaŭ parton de ĉikongresa "Unua Lirika Festo de HEF", ĉar en ĝi rolas diversaj eroj gravaj per si mem kaj en rilato al nia deziro danki kaj omaĝi profesoron Régulo kaj lian familion: en ĝi prezentiĝos aŭtoroj diversaĝaj, tiel iuj jam maturaj kaj ŝuldantoj al prof. Régulo de sia konateco en Esperantio, kiel niaj junaj kaj esperigaj valoroj. Per tia prezento ĉiuj povos jen unuafoje, jen plian fojon konstati kaj konfirmi la lingvajn kaj estetikajn valorojn de la interlingvo Esperanto kaj de la talento daŭre investata en ĝin. Per ĝi krome naskiĝas ambicia kulturprojekto de HEF, pri kiu ni informos en alia sesio de nia kongreso. Kaj fine, ĉar tiel la anaro kiel la estraro de HEF venis al la penso, ke la plej bona maniero omaĝi prof.*

*Régulo estas ĝuste per prezentado de arta kaj lingva spektaklo kiu montru la vivantecon de la lingvo kaj idealo por kiu li tiom laboradis kaj oferadis.*

*"Karaj prof. Régulo Pérez kaj lia familio: Plian fojon, dankon kaj honoron al vi, kiel ankaŭ niajn dezirojn pri feliĉo!".*

Unuanima aplaŭdado esprimis la komunan aprobon de la parolado de la HEF-Prezidanto. Post li, okupis la podion la poeto Miguel Fernández Martín, direktoro kaj ĉeforganizanto de la "Unua Lirika Festo de HEF", kiun li prezentis per jena trafa parolo:

*"Antaŭ ĉio, estu bonvenaj al ĉi tiu aparte grava HEF-kongreso, kie ni omaĝos nian karan, admiratan kaj merito-plenan prof. Régulo. Jen mi staras hodiaŭ antaŭ vi, kiel responsulo pri la "Unua Lirika Festo de HEF", por fari ĝian prezenton kaj skizi ĝian konsiston. Kaj mi devas komenci mian intervenon senkulpigante min pro la fakto, ke ĉion ĉi, mi bedaŭre kaj esceptokaze, efektivigos ne esperante sed hispan-lingve. Bedaŭre, ĉar tiel mi perfidas unu el miaj principoj plej solidaj kaj ŝatataj: la ekskluzivan uzadon de nia lingvo en esperantista medio. Tamen, pro oportuneco kaj konveneco, la okazo tion postulas. Prof. Régulo eminentas ne nur en, sed ankaŭ ekster Esperantio. Tial, multaj ekstermovadaj altrangu-loj troviĝas nun kun ni. Do ni ĝentile respondu al ilia ĝenti-leco honori nin per sia ĉeesto kaj kaptu la okazon montri al ili la altajn staturon, intereson kaj transcendon de la "Unua Lirika Festo ", sendube la plej grava kultura aranĝo de nia kongreso, kaj ĝenerale, de la kultura agado de ni plenumata kongreson post kongreso"..*

*Kaj jam en la hispana lingvo por pli bona kompreno de aŭtoritatoj kaj simpatiantoj de Esperanto, nia kolego Miguel eksplikis al ili la karakteron de nia omaĝo al prof. Régulo, kaj priskribis la celon de Esperanto en la mondo kaj la taskon de la esperantistoj kiu malvolvas propran originalan kaj tutvaloran kulturon laŭlonge jam de unu jarcento. Kaj laŭ tiu vojo, la oratoro profilis la grandajn liniojn de la "Unua Lirika Festo de HEF"kiel bazon de nia agado, en tiu ĉi okazo speciale kreita por omaĝi nian ŝatatan profesoron. Kaj iom supraĵe, li, la oratoro, analizis*

*unu post alia la poemojn, per kies kontribuo, ĉiu el ili, elstaraj poetoj diverslandaj, omaĝos la intelektan figuron de nia kanaria samideano. Kaj samideano Fernández finis sian paroladon en la hispana dankante al personoj kaj institucioj pro ilia kunlaborado al tiu ĉi kongreso-omaĝo, kaj invitis ilin helpadi morale kaj finance al nia respektinda kultura minoritato, laborante malavare por universalaj valoroj: paco, scienco, arto kaj kulturo ...*

Tondra aplaŭdado premiis la interesan paroladon de samideano Fernández Martín.

Sekvis tiun parolon la livero de **medalo** "Klara Silbernik" al la edzino de prof. Régulo S-ino Carmen Rodríguez. Oni planis la ĉeeston dum kelkaj minutoj, de la profesoro mem kun ŝi ĉe la estrado okaze de la Inaŭguro, sed malfeliĉe lia sanstato ne ebligis tion en la lasta momento, tial ŝi devis rezigni mem ricevi la medalon, kaj estis Ana Régulo, la filino, kiu ricevis ĝin de manoj de membro de la komisiono "Premio Klara Silbernik", dum fervoraj aplaŭdoj emociigis ŝin. Ana, dankis tiun honoron al ŝia patrino kaj la omaĝon al ŝia patro, dum la ĉeestantoj entuziasme aplaŭdadis ŝin... Emocio invadis ĉies korojn.

La Vicurbestro deklaris protokole la kongreson malfermita.

Por solenigi la eventon, la universitata koruso de La Laguna gvidate de Direktoro Juan Ignacio Oliva, kantis elektitan programon kun partituroj de Morley, Former, Gastoldi, Scandelli, Donato, ktp kaj finiĝis la koncerto per la universitata himno "Gaudeamus igitur".

Antaŭ la tagmanĝo, la kongresanoj vizitis ekspozicion de verkoj en Esperanto en la publika "Librovendejo Lemus", plej grava en La Laguna.

Posttagmeze, en unu el la salonoj de la kongresejo oni inaŭguris "Retrospektivan Esperantistan Fotoekspozicion" precipe interesan ĉar en multaj el tiuj fotoj aperas Dro Régulo, kaj ankaŭ multaj memorindaj veteranoj kelkaj el ili ne plu vivantaj kaj tamen neforgeseblaj. La Ekspozicio estis zorge prezentita de Leandro Trujillo. Akceptu, kara samideano, nian dankon!

Preskaŭ samtempe, samideano Antonio Sánchez prelegis pri Azia Esperanta Movado, ilustrante la paroladon per bildoj de interesa video. Dankon, juna amiko pro via digna prezentado!

En alia aŭlo de la kongresejo, samideano Añó kolektis ame kaj zorge tiujn personojn kiuj deziris lerni la unuajn lecionojn de Esperanto, kaj pacience instruis ilin pri "la sekretoj" de nia gramatiko.

Post la vespermanĝo, en la plej granda salono de tiu Universitato okazis la unua sesio de la "Unua Lirika Festo de HEF", tiel senpacience atenda de la kongresanoj kaj sopirata de la poeziamantoj.

Sur la podio, la genia kreanto de la Festo, Miguel Fernández. En la plej absoluta **silento** li alparolis la ĉeestantaron:

*"Estimataj geamikoj!*

*"EStu bonvenaj al la unua sesio de la Unua Lirika Festo de HEF. Miajn enkondukajn vortojn mi direktos rekte al prof. Régulo, kvazaŭ li troviĝus nun kun ni. Fakte li estas ĉi tie: Spirite. Lian ĉeeston mi sentas varme, reala, kontentoplena. Ni forgesu por momento, ke terura malsano trafis lin, kaj per la okuloj de la poezio ni vidu lin vigla, gaja kun ni, en la centro de la salono, ĝuanta kun ĉi modestan sed plej fervoran poezian omaĝon de la hispana esperantistaro al lia persono kaj al lia agado, kaj mi direktas al li jenajn enkondukajn vortojn: Estimata profesoro Régulo: Paroli pri la apartaj meritoj viaj, nia priomaĝato, ŝajnus la neevitebla stereotipo, la nepra litanio gurdata de la panegiristoj kaj retoroj. Sed, se la koncernato nomiĝas Juan Régulo, aŭtomate la vortoj perdas la tavolon da gruzo, la karion, kaŭzitajn de bombastaj oratoroj, kaj la vorto "emocio" spegulas faktan animstaton, palpeblan vibradon kolektivan, sian plej intiman veron".*

*"Temas pri kurioza fenomeno de opa konsento. Ni, la homoj iel aŭ alie elektitaj de HEF por la omaĝo, spertis ĉiujn facetojn de la emocio, tuj kiam oni heroldis nian kongreson kaj ĝian celon: honori profesoron Régulo. Kiom da apogleteroj! Kiom da ardaj esprimoj de admiro kaj estimo! El ili ĉiuj, mi deziras substreki la jenajn frazojn, fontantaj el unu el la zenituloj de la esperanta beletristiko: "se iu hispano, en aŭ ekster la Movado, meritas omaĝon nacian, tiu estas Régulo. Li meritas ĝin ne nur pro siaj intelektaj kapabloj, sed ne malpli grave, pro sia elstara valoro kiel homo bona kaj honesta".*

*"Jen la kleo aŭ ŝlosilo de la emocio kundividata: bono kaj honesteco apud altaj intelektaj kapabloj, nome homeco. Ni do festadas la homecon. Modeste. Laŭ la mezuro de niaj materialaj ebloj. Sed per la plej grandioza kion homo povas donaci al alia, la plej intima, la plej nobla: la lirlo de la animo, ĝia pulsado: la poezio".*

*"For konfetojn, paperserpentojn kaj brilaĵojn!*

*"Tion ni lasu al la kultivantoj de la falso kaj de la farso. Niaregne suverenu la simplo kiel manifestiĝo de la aŭtenta fervoro, de la plej profundo, de la plej nudaj sentoj. Ĉu ne en tio konsistas la instruo farita de prof. Régulo?"*

*"Nenio pli taŭga do nek pli proksima al lia koro, niaopinie, ol lirika festo".*

Kaj la oratoro daŭrigis sian paroladon difinante la signifon de niaj esprimoj, kial Unua Lirika Festo, kiaj estis la karatoj de nia honorato, kian profundan signifon havas la koncepto "Stafeto" uzita de prof. Régulo kiel pruon de sia kultura ŝipo por universala entrepreno. Ho, kiel plaĉus al tiu ĉi redaktoro kopii unu literon post alia la tutan paroladon, sed tio signifus publikigi libron ne bultenon! Devige, do mi ekstraktas, tute ne vole!

Kaj samideano Fernández finis sian paroladon kunvokante la junulojn preni la torĉon kulturan de manoj de prof. Régulo: *"Kaj ni deziras diri al vi ĉi tie en La Laguna, ke ni pretas transpreni la torĉon de niaj samtrupanoj en la de vi iniciatita literatura stafetkurado. Ekzistas homoj, ĉefe junaj homoj, lastatempe burĝonas ĉiam pli altkvalitaj esperanto-poetoj. En Hispanio. En Portugalio. En diversaj partoj de la mondo. Kurioza fenomeno de poezia sinkronismo. Diskreta nombro sed kun la fervoro de miliono da. Sen elitismo. Tute male. Emantaj potencigi la rektan kontakton, la senperan opan lirikan ĝuon, la resonancon de la trobaduraj palpitacioj en la brustoj de la ĝenerala publiko, la interfluon de sensacoj inter la deklamanto kaj aŭskultantaro, entute la parolan kaj kantan poezion"*

*"Jen la kialo de niaj lirikaj festoj, kies premiero, dediĉata al vi, profesoro, tuj ekpulsos. Nun aŭskultu niajn voĉojn. Ankaŭ la voĉojn de pluraj pintuloj de nia beletristiko. Sendube vi sentos la mankon de multaj el tiuj ĉi, kies foresto estas ne eksplikebla. Multaj el ili ja letere sin ekskuzis. Kelkaj, tamen, preferis la silenton kiel respondon al nia rekta alvoko. Nu, tiujn ĉi ni komprenas. Ili havas sian lokon en Olimpo; ni, en la popolo. Al la unuaj eminentuloj, nian koran dankon. Al la duaj, multaj el kiuj, cetere, neniam ŝparis laŭdojn al vi, profesoro, eĉ ne bombastojn pri grandaj rondoj familiaj ktp., sed nur nian plej koran kaj elegantan forgeson".*

*"Sed for palavron kaj ek al la poezio:"*

Kaj tuj oni komencis la recitadon de poemoj, la unuan de la maltano Carmel Mallia, fondinto kaj prezidanto de E-Societo (Malto), kiu jam publikigis "La mio kaj lia pretero" (trad.1973), "Kontrastoj" (poemoj 1980),"Kapri-

caj raketoj" (poemoj 1981), ankaŭ gajninte diversajn premiojn en literaturaj konkursoj. La poemon deklamis Ana Manero, lasta malkovro de la Madrida Liceo, kiu, kun miela voĉo mirinde recitis...

KIAM.-

Kiam la horojn dubvualas
difterie varmaj rememoroj,
kiam panee kandelmienas pensoj
post furoraj debatoj,
ne demandu kial.
La naturo veras
dum vi eble eĉ ne scie kleras.

Kiam la interondaj kisoj
monaĥin-meditemas,
kiam ŝveliĝe bolas la vojovejnoj
per ĉiusekunda vermuto acida,
ne demandu kial.
La naturo veras
dum vi eble eĉ nescie kleras.

Kiam la nomoj perdiĝe miksiĝas
kadavre dense,
kiam dum letargie magia oldeco
grincas rekvieme la ostoj,
ne demandu kial.
La naturo veras
dum vi eble eĉ nescie kleras.

Kiam adamas eva
kaj evaas adamo,
kiam ĉecerbe parakletas
pasiaj perloj,
kiam la plumo konscias
pri sia libero sklaveca,
ne demandu kial.
La naturo sinceras
dum vi eble eĉ nescie
vian perplekson parkeras.



Preskaŭ sen tempo por aplaŭdoj ĉar la nokto alflugadis, sami-

deano Fernández prezentis la sekvan poemon "LETO". Ĝia aŭtoro Pieter Cornelis Boutensw, tradukita de Dro Willen Verloren van Themaat,kiu jene informis nin pri la aŭtoro: P.C.Boutens (1870-1940) estis unu el la plej grandaj nederlandaj poetoj, doktoro pri klasikaj lingvoj. Li estis ano de la Platona vivo-koncepto, en kiu la tera mondo estas nur preparo por supernatura mondo de puraj bono, belo kaj vero". Fine, mi klarigu iom la titolon. Leto, laŭ PIV, estas trisignifa termino. Ĉi-okaze el la kunteksto deduktеblas, ke la senco de "Leto" estas Leteo, nome "unu el la inferriveroj, kies akvo forgesigis suferojn kaj plezurojn de la tera vivo". La poemon deklamis Pedro Garrote, alia bona esperantisto de Liceo:

LETO.-

Kiel mi trovu Leton tra l'
Bazalt' brulanta blinda?
Ho ĉio forgesinda
Antaŭ l' vesperofal'! ktp.

Bedaŭrinde mi hodiaŭ nur publikigos kelkajn versojn de ĉiu poemo, escepte de la unua kaj lasta, kiujn mi aperigos kompletajn. Sendube vi bone komprenas la motivon, jam menciitan, mi bezonus publikigi libron anstataŭ bultenon, sed mi promesas al vi publikigi ilin kompletaj en "Boletin" en venontaj numeroj.

Venis en la vico la "Poemo de Utnoa" de Abel Montagut, pri kiu la prezentanto de la programo komentis: "kiu kuraĝus nuntempe starigi la ĝustan limon inter epiko kaj liriko? Ĉiam pli la literaturaj ĝenroj interplektiĝas donante foje kiel rezulton plej ravajn artaĵojn, kie harmonie kunglimas diversaj facetoj de la belo. Al tiu kategorio apartenas nia sekva originala verko "Poemo de Utnoa", konsistanta en tute el sep kantoj. Per homereska, jen korkaresa, jen impona stilo, kaj versoj aleksandridoj, nome aleksandroj kun unu plia mallonga silabo inter la du, la kataluno Abel Montagut vere majstre prezentas al ni aktualigita la biblian miton de Noa kaj la diluvo laŭ sciencfikciaj kleoj." La poemon deklamis M.Fernández mem, kiu admirinde emfazis la ritmon sonoran de la poemo:

POEMO DE UTNOA.-Unua kanto.

Naŭton mi himnos kaj universe faman arkeon
kiuj elsavis vivon el tutplaneda diluvo.
Multon li trasuferis dum ĉarpentado de ŝipo,
hezitojn kaj ĉagrenojn daŭrajn fortbruste li venkis,
ĝis ondoj urbojn kovris kaj tutan teron inunde.
Homoj kaj bestoj en ŝlimfundo fordrone pereis.

Ĉiela Muzo, rakontu nun pri l' veraj eventoj
kiam elŝvelis maroj kaj la kaoso tumultis.
Ĉu ĝi fatalis nepra aŭ oni povis eviti?
Ĉu kataklismon mondan diaĵo pune provokus
pro flama venĝdeziro kontraŭ milkrima genero?
El altoj alparolu, ĉion klarigu volonte. ktp.

Malfeliĉe por la gustumantoj de la bona poezio, tiu Unua Kanto konsistas el 821 versoj, kiujn ni ricevis de samideano Montagut, sed tute ne povos ilin publikigi hodiaŭ. Tamen ni tion faros estonte en "Boletín" kune kun la sukaj komentoj de Fernández.

En kompleta lirika festo neniam devus manki prozaj lirikaĵoj. Por la poeto ili estas unu plia esplorebla kaj esplorinda esprimrimedo, bona por liberigi lian animon de la versofaradaj katenoj... Prozo senbrida. La regno de la milritmaj frazoj. Ankaŭ ilia libera lirlado kapablas plektri la plej intimajn kordojn de nia interna harpo.

Nu, ĝuste tion sukcesas atingi la sekva ĉarma lirika rakonto "La spegulo de Velodaĵo", de la italo Giorgio Silfer, ĵus eldonita de Kooperativo de Literatura Foiro. Giorgio sendis al ni ekzempleron de sia verko kun la sugesto, ke ni legu ĝin plurvoĉe kadre de nia lirika festo kaj akompanu nian legadon per projekciado de la amindaj bildoj de Stella Agostini en ĝi aperantaj kaj per cigana aŭ mezepoka muziko. Ne estis ebla tiu muntado pro manko de homoj kaj rimedoj, sed Ana, Pedro kaj Miguel legis pecojn de la bela rakonto kun akompano de muziko:

"Foje mi renkontis junan ciganinon, kun korve nigra hararo kaj glime verdaj okuloj".

"Ŝi volis legi mian manon, kaj mi respondis ke volonte mi dediĉos unu minuton al ŝi, sed la destinon mi ne deziras koni".

"Ŝi rigardis min silente, dum mi rapide plukis por ŝi flavajn lekantetojn kaj poste plej delikate aranĝis ilin plekte en ŝia hararo" Ktp. ktp.

Fine, kaj ekster la programo originale aranĝita, la prezidantino de la Esperanta Grupo de Sant Cugat del Vallés Trinitat Garcia, deklamis poemeton de ŝia edzo Jozefo Anglés originale verkitan en la kataluna. La poemon, bele tradukitan al Esperanto de nia inteligenta veterano Salvador Gumá, recitis samideano M. Fernández kiel omaĝon al la aŭtoro forpasinta en la aĝo de 33 jaroj en la hispana enlanda milito, kaj omaĝe ankaŭ al la tradukinto, feliĉe ankoraŭ vivanta...

Emocio kaj tenero en la versoj de:

## ADIAŬO.-

Noktiĝas. Sobiras la suno,
brilas supre stelo el or'.
Ĉagrene leviĝas la luno
ĉar la sun' mortas de langvor'.

De l' vilaĝo, la sonorilo
vokas vigle al litani'...
La eĥo el la malproksimo
respondas kun nostalgi'.

Birdaroj flugas al ĉielo,
pli alten ol super la lun'
kantante ili kisas stelojn
kaj...adiaŭ! diras al sun'.

Apud la dometo, sub pino,
amatin' sidas kun karul'.
Li diras: ho vi, mia vivo!
Ŝi silentas kaj ploras plu.

Ne ploru, mia amatino,
certe mi revenos al vi
mi havas vin en mia sino,
ĉiam vi estos apud mi.

-Karulo mia, -ŝi nun diras-
amegu min, kiel mi vin!
-Mi vin amas, karulin' mia-
-ĉu vere? Do kisadu min!-

Kaj la lun' pro ama ĵaluzo
kvazaŭ pelite de envi',
kaŝas sin malanta'nuboj
dum klake klakas daŭra kis'.

Kaj kun la mildaj eĥoj de tiuj teneraj versoj finiĝis la unua sesio de la Unua Lirika Festo de HEF... Jam estis preskaŭ noktomezo.

# Tria kongrestago.- Asembleoj.

Frumatene ni legas en la ĵurnaloj "La Gaceta" kaj "El Dia" ampleksajn informojn kaj komentojn pri la okazanta kongreso esperanta en La Laguna.

Simpla rigardo al la kongresprogramo, helpas nin tuj percepti la karakteron malfacilan de nia hodiaŭa tasko: densaj tagordoj, tiklaj problemoj solvendaj, nepraj decidoj, komplikaj debatoj... kaj tamen nia anaro, eble iomete gajnita de loka etoso turismema, distra kaj alloga, ne multe sin sentas inklina al la laboro, kaj eble pro tio, malmultaj kaj nur iom post iom, ili venas al la salono kie devas okazi la Ĝenerala kaj Eksterordinara Asembleoj de HEF. Sed finfine ni devas komenci, kaj efektive komenciĝas la Ĝenerala Kunveno: Oni elektas por prezidi la debatojn samideanon Juan Azcuenaga Vierna, kiu malfermas la sesion: Sendiskute estas unuanime aprobitaj la protokolaj punktoj de la tagordo unu, du kaj tri. La 4an pri financoj oni prokrastas ĝis la Eksterordinara Kunveno okazonta tuj post tiu ĉi, ĉar laŭstatute eventualaj ŝanĝoj de kotizoj nur estas eblaj per tiu sistemo.

La 5a punkto pri venontaj kongresoj: oni aprobas okazigi la venontan en Merido. La prezidanto de la Esperanta Grupo de tiu urbo Francisco Cabezas, interkonsente kun la HEF-estraro indikis kiel firmajn datojn, de 30-4- ĝis 3-5--92, kaj li jam invitas la kongresanaron amase aliĝi al la 52a HEF-kongreso. La lokaj aŭtoritatoj promesis financan helpon al la organizantoj. Pri la Postkongreso en Lisbono, per "Boletin" ni oportune informos niajn membrojn.

Venas en la vico la 6a punkto: Informado de la diversaj Servoj de la Federacio. Unue, oni legas la kontostaton de Libro-Servo, jam publikigita en aldona Suplemento sendita kun la num. 301 de "Boletin". Kun aplaŭdoj oni aprobas ĝin.

La Prezidanto informas pri la C.O. (Centra Oficejo) de Madrido, en tiu ĉi momento gvidata triope de Marcos Cruz, González Aboin kaj Jorge Camacho, kiuj ne nur zorgas pri ĝia funkciado sed ankaŭ okupiĝas pri la organizado de kursoj kaj pri la Informa Servo de la Federacio. Oni aprobas la informon.

Rilate la Preuniversitatajn Kursojn, la Prezidanto informas pri la principa aprobo de la projekto flanke de la diversnivelaj hispanaj institucioj. Ĝi estas do certigita. Tial venas nun la fazo, en kiu la fakuloj uzantaj Esperanton, kaj iliaj institucioj -ankaŭ aliaj institucioj kun kiuj tiuj personoj rilatas kaj /aŭ kiujn informos pri la projekto- eventuale decidu pri sia ebla helpo kaj/aŭ kunlaboro, ĉar tio estus la nepra kondiĉo por ke la komencaj apogantoj povus analizi, ĉu la projekto meritas pluan kaj pli gravan atenton.

Pri "Boletin" informas ĝia ĉefredaktoro per jena raporto:
*"Samideanoj kaj amikoj: Denove antaŭ vi kiel Redaktoro de "Boletin" celanta vin informi pri la malvolviĝo de nia gazeto dum la lasta laborperiodo. Unue, mi devas publike danki miajn kolegojn, la ceterajn redaktorojn, pro la efika kunlabo-*



rado, kiu ebligis al nia revuo sin prezenti antaŭ vi kun senerara lingvo kaj varia interesa enhavo. Koran dankon al ili!"

"Al nia Redaktejo venas preskaŭ ĉiutage el nia lando kaj ankaŭ el eksterlando, ĉiaj kritikoj, ordinare laŭdaj, sed la Redaktoro neniam sin sentas sufiĉe kontenta kun niaj atingoj, ĝuste ĉar mi pensas, ke nia tasko ĉiam estas plibonigebla. En la horizonto de niaj perspektivoj ĉiam ekzistas unu plia alta pinto por niaj aspiroj."

"La partoprenantoj en la pasinta kongreso de Sant Cugat sendube bone memoras mian diron pri la celoj tie esprimitaj por nia revuo: akurateco, pliriĉigo de la enhavo laŭ varieco kaj kvalito kaj digna prezento ene de la limoj de nia modesta ekonomio. Nu, tiuj celoj ne malaktualiĝis: mi, konstante serĉas la kunlaboron de brilaj elementoj kiuj donos al nia revuo la altan nivelon sopiratan. Samtempe, mi petas pardonon al tiuj kunlaborantoj kiuj sendis al ni artikolojn aŭ tradukojn de poemoj teknike nepublikigeblaj, kaj mi dezirus, ke ili bone komprenu la tute neagrablan taskon de tiu la ĉi Redaktoro kiam li devas komuniki la absolutan neeblon cedi al tiuj pretendoj se ilia publikigo signifas certan gradmalaltiĝon en kvalito aŭ rompon de nia skemo pripensita por la revuo. Ni, ja devas fari tiujn oferojn se ni volas prestiĝan revuon, tamen mi volus ne senkuraĝigi ilin en la nobla verkadtasko kaj petas al ili kuraĝon kaj persistemon".

"Cetere, mi ne volas, ke nia anaro pensu, ke tiu neapriora celo nia pri pli brila prezento de nia revuo, signifas absolutan rezignon de nia Federacio posedi belan revuon. Tute ne! Kaj en tiu senco ni citas nian ĵusan provon okaze de la 300a numero de "Boletin". Okazas, ke ni konscias pri la realo de nia ekonomio kaj adaptiĝas al ĝiaj postuloj. Laste, ni donis novan paŝon en tiu direkto: laŭ iniciato de "Fundación Esperanto" ni aĉetis komputilon, kiu celas provizi nian Redaktejon per moderna elemento por nia laboro. Tio fariĝis dank' al la malavareco de nia anaro per monkolekto. Mi esperas, ke iam, estos la institucioj kiuj faros tiujn klopodojn. Komprenu, ke mi, kiel estonta uzanto de tiu aparato ne dancas ĝuste pro kontenteco, tamen mi povas certigi al vi ke mi faros mian eblon por ke ĝi estu efika elemento en la

*modernigo de nia projekto por aktualigo de la redaktado".*

*"Sub vidpunkto beletra, mi respondas publike al la demando de kelkaj HEF-anoj, kiuj deziras scii kion ni celas por nia revuo definitive, ĉu informan bultenon aŭ beletran revuon? Permesu al mi esprimi per sincera dubo mian honestan respondon. Ke mi volus servi HEF per revuo ambaŭvalida, pri tio vi ne devas dubi. Tamen mi diru, ke ĉiu el ni havas en la interno de sia menso la propran modelon kaj malfacile oni povas ŝanĝi ĝin! Atingi revuon kiel eble plej proksiman al tiu revata de la plejmulto el ni, estas ja mia celo".*

*"Dume, bonvolu daŭrigi vian kunlaboradon kun ni, kiel ĝis nun, por atingi prestiĝan revuon kaj anticipe akceptu jam nian tutkoran dankon"*

Per aplaŭdado oni aprobas la informon prezentitan de samideano Marco Botella.

Antaŭ ol fermi la kunvenon oni starigis plurajn petojn, sed ĉar ili koncernis la temojn pri kotizoj aŭ statutoj, oni resendis ilin al la diskutotaj punktoj de la sekva Eksterordinara Asembleo, do tie oni metis la finan punkton.

Ĉar la debatoj plilongiĝis pli ol programite, la Asembleo decidas ne halti dum la ripozoperiodo kaj komenci tuj la Eksterordinaran Asembleon seninterrompe:

Unue oni prezentas proponon de la HEF-estraro por plialtigo de kotizoj: la prezidanto Alonso eksplikas la ĉefajn motivojn: atentinda regreso de la nombro de membroj post la sendo de rembursoj kaj plialtigo de la poŝtotarifoj kiuj konsiderinde plialtigis la koston de la sendo de nia bulteno. Ĉiuj konsentas pri la propono sed la diskuto venas ĉar kelkaj anoj proponas 2.000 Ptojn kiel bazan jarkotizon, kaj aliaj 2.500 Ptojn. Post baloto oni akceptas starigi la unuan kvanton, do de la komenco de la jaro 1992a la jarkotizoj restas jenaj:

| | |
|---|---|
| Membro-abonanto..............................: | 2.000,- Ptoj |
| Emerito, junulo, senlaborulo ...............: | 1.500,- " |
| Asocio aŭ Grupo .......................... : | 4.000,- " |
| Dumviva membro ...........................: | 50.000,- Ptoj. |
| Abonanto de "Boletin" (send. al eksterlando): | 35 guldenoj aŭ ekvivalento. |

La dua punkto de la tagordo temis pri la modifo de la Statuto de HEF, laŭ propono akceptita pasintjare en la Asembleo de Sant Cugat. La Sekretario legis artikolon post artikolo kun la nova teksto proponita, kiuj estis fine aprobitaj.

La tria punkto temis pri informado kaj nova Statuto de "Fundación Esperanto", tiu ĉi lasta devigata pro ne ebla uzo de la ĝisnuna adreso.

Sro Juan Azcuénaga, reprezentante la Patronaron de "Fundación", informis al la Asembleo pri la rezigno de Inés Gastón kiel Sekretariino pro sia aĝo. Por okupi la postenon oni elektis samideanon Enrique Piquero Vázquez, loĝanta ankaŭ en Zaragozo. La nova adreso de la sidejo oficiala de "Fundación Esperanto" estas: str. San Vicente Paul, 1.- 50001-ZARAGOZA., t.e. la sama de la Esperanta Societo "Frateco".

La renovigita Patronaro celas nun revigligi la "Fundación", kaj por pli efika agado oni elektis Sron Miguel Gutierrez Adúriz kiel Direktoron. Unua iniciato estis organizi monkolekton por aĉeti komputilon por la redaktado de "Boletín". Nome de la Patronaro de "Fundación" Sro Azcuénaga prezentis du proponojn al la Asembleo. La unua temas pri reciproka kunlaboro de HEF kaj FE, kaj en tiu senco FE petas al la Federacio financan helpon pere de Libro-Servo, konsistantan en la divido de la profito de tiu Servo. La respondo estis, ke la Federacio jam uzas tiun profiton por subteni la propran funkciadon, kaj la Asembleo ne akceptis la proponon. Oni konkludis helpi la "Fundación" kiam niaj financoj ĝin permesos.

La dua propono temis pri la stoko de la libro "Don Kiĥoto": oferti ĝin al nia anaro kun anticipa pago de la HEF-kotizo por 1992a antaŭ la jarfipo 5.000 Ptoj. Post debato oni venis al la konkludo: HEF-estraro studos la proponon kaj respondos rekte al FE.

Post tiu decido la prezidanto deklaris finita la longegan kunvenon, ĝuste kiam la tagmanĝa horo jam estis preterpasanta.

Posttagmeze, Fakaj kunvenoj de HALE, ILEI, k.a. En alia salono, la Direktoro de Esperantotur eksplikis siajn turismajn projektojn, dum Añó insistis kun siaj lernantoj instruante la unuajn lecionojn de la Esperanta Gramatiko, kaj Solis faris la samon sed laŭ tre, tre alta nivelo.

Je la 20,30 h., dua sesio de la "Unua Lirika Festo de HEF: Unue, la koruso"Muzika Asocio Unum Cor" kantis gvidate de sia direktoro Luis Correa diversajn partiturojn de Praetorius, Purcell, Mozart, Petroviĉ, Nicolau, Falcon kaj Cedres, kiuj estis fervore aplaŭditaj. Post tiu kantado, la direktoro de la Festo Sro Fernández prezentis la poezion de Marko Petroviĉ per tri poemoj "Efemereco", "Laboro liberiĝas" kaj "Al embarasita kolombo",poezio sociala, kritiko al la burokratismo ĉiuflanka, pledo por la libero kaj la paco. El la tri deklamitaj ni substreku tiun recititan de la belulino Ana Manero:

AL EMBARASITA KOLOMBO.

Ho kolombo blanka, simbolo de l' paco,
kiun flugdirekton vi havas en spaco?-
eternan demandon oni devas plugi:
Al kies trudpaco vi preferas flugi,
ĉu al nikaragva paco makkartia,
ĉu al afganlanda paco sovetia?

Cielo ne estas por blankaj kolomboj,
sed nur por parado de nukleaj bomboj,
blua firmamento -laŭ klabulorito-
estas rezervita nur por stelmilito,
forlasu ĉielon, flugu en ĝardenon
kaj el mia mano gustumu la grenon!

Kiam ankoraŭ vibris en la aero la versojn de Petroviĉ, samideano Fernández prezentas la poezio de Edwin de Kock deklamante jenajn versojn:

Foliolange
arboj flustras,
korosange
karno flustras
pri la aŭtuno.
Kalviĝas arboj
antaŭvente.
Mi kalviĝas
mortosente,
malgraŭ la suno. ktp.

Kaj emfaze li substrekas: "multaj el vi rekonis tuj ĉi tiujn senegalajn versojn. Temas pri la jam antologia poemo "Aŭtuna posttagmezo", de Edwin de Kock, unu el la zenitaj figuroj de nia poezio". En letero lia el Sud-Afriko al ni adresita, li esprimas sian ĝojon pro tiu Lirika Festo honore Régulon kaj bedaŭras, pro pluraj motivoj kiujn li konfesas sian neeblon partopreni ĝin. Por eventuala uzo en la Lirika Festo li sendas parton de sia originala epopeo "La konflikto de la epokoj", kiun li scias tre plaĉas al prof. Régulo. Jen kelkaj versoj el la Libro 3a de

La konflikto de la epokoj.

Subita krio murdis la silenton,
kaj estis mi. Tia la hororo
de muso kiam kato ĝin ekhavas,
aŭ antidorko kiun boavolvoj
komencas stringi.

Apud mi li altis,
kolono tute blanka: Lucifero!
Sed li subridis, kaj malstreĉe levis
pacigan manon; ĉar li tuj rimarkis,
ke mia peza karno kuntiriĝe
ekvolis for, en duonsido tie.

Kaj post Edwin de Kock venas la poemo de alia granda poeto,nome Gabriel Mora i Arana, mago de la poezio en la kataluna kaj en la esperanta, precipa organizanto de la nunepokaj Internaciaj Floraj Ludoj, pri kiu M. Fernández prezentante lian poemon "Kiel tute alia deĉifrado de la Rosetta-Ŝtono" diras: "Longaj serioj de majstre ĉizitaj jamboj. Ritmo. Konstanta ritmo ne nur rilate la metrikon mem, sed ankaŭ rilate la ideojn. Poezio kiel introspekta rimedo por memkonado. Serĉado de la perdita tempo. Hermetismo mildigita de palpebla emocio... Jen la karakterizaj trajtoj de tiu poemo originale verkita de Mora i Arana". Kaj tuj, li mem, donante al la versoj la kadencon kaj akcenton precizajn deklamis ĝin:

KIEL TUTE ALIA DEĈIFRADO DE LA ROSETTA-ŜTONO.

Mi ne pretendas la klerecon de Champollion senprestiĝigi,
ĉar fidas mi je li pri ĉio kion, senmezure, mi ne scias.
Mi, tamen, plenkonjekte, al mi mem respondojn donas
kiuj devenas de la miaj persistantaj kaj iamaj emocioj
ne fremdaj, ja, al tiuj ensorbitaj dum la observado
de l' nokta firmamento en medio rura:
revante tra la vasta turnirej' mitologia. ktp.

Kaj post la ardaj aplaŭdoj al nia kataluna amiko venis delikata poemo el Sovetunio, kies aŭtoro, Boris Kolker, aldonas en sia letero la jenon: "Estimata kolego: Omaĝe al mia amiko Juan Régulo mi sendas mian versaĵon"...

AFRODITA.

Vekiĝe, vi rigardis ĉiam ŝin,
Rigard' de l' statueto vin intrigis:
La trajtoj de l' antikva bel-diin'
Al vi alies trajtojn memorigis, ktp.

La sekva verko estas alte interesa eseo: "Origino de la kastilia liriko" de A.Marco Botella. Ĝi, per poezia prozo analizas la momenton magian de la unuaj balbutoj de la hispana liriko. Esploras la alportojn de la araba poezio al la hispana. Montras belajn poemojn hispanajn-arabajn-hebreajn esperantigitajn. Senvualigas al ni la tutan majeston, ekzotikecon kaj ĉarmon de tia fundamenta, kulmina kaj, tamen, nesufiĉe konata epoko de nia kulturo. Lia eseo komencas:

"Antikvaj kronikoj rakontas, ke kiam Abul-Abbas venkis en Oriento apud rivero Tigriso la dinastion Banü Umayya,kaj ordonis ekstermi ĝin, iu el la forkurintaj venkitoj, alvenis al Magrebo unue, kaj poste vokite de andaluziaj araboj al Iberio, kie li starigis sendependan tronon en Kordovo. Temis pri princo Abd-al Rahman, kies talento kaj kleraj inklinoj vekis entuziasmon kaj admiron, kaj tuj sekve kreis la adekva-

tajn kondiĉojn por starigi en la "Hispania" fokuson de civilizacio, kiu baldaŭ superis iun ajn ekzistantan tiam en Eŭropo kaj Mez-Oriento mem.

Al-Hola rakontas, ke en la palaco de la juna princo, (jam Abd-al Rahman la Unua) oni okazigis festojn pri Literaturo kaj oni recitadis versojn; kaj elstaraj poetoj kunvenis en ĝiaj salonoj. La reĝo mem verkis poemojn, kaj unu el ili, verkita de li inspirate de palmo, kiun li mem semis en sia propra korto, diris:

Same kiel mi, ho palmo!
fremdas vi en Okcidento;
dista de ni nia lando,
ĝi ne lasas mian menson!     ktp.

Kaj kiel fino de la dua sesio, venas de la mano du junaj poetoj, ambaŭ plurfoje laŭreatoj en Belartaj Konkursoj: la hispano Jorge Camacho kaj la portugalo Gonçalo Neves. Nia protokolanto, M.Fernández, parolis pri Kamaĉo, lia amiko, tute emocie: "se ĝis antaŭ la pasinta jaro la talento de tiu juna homo jam tre brilis por liaj geamikoj, al kiuj mi fiere de ĉiam alkalkulis min, kaj por multaj alirintoj al lia verkaro, de tiam ja, eke de lia epokfara sukceso en la Belartaj Konkursoj de UEA, kie li akaparis al si preskaŭ ĉiujn gravajn premiojn, la prozaĵoj kaj poemoj de nia kvinobla laŭreato vekadas la atenton kaj admiron de fakuloj kaj de ĝeneralaj legemuloj.La juna promeso kristaliĝis al fakto: Georgo Kamaĉo, verkisto de la kapo ĝis la plandoj, fajna esploranto de la vortaj profundoj kaj harmonoj, originala elvokanto de avangardaj prezentoj de la belo. Jen kiel pruvo, parto de lia poemo,per kiu li partoprenas en nia Festo:

Mi volus diri, ke mi nun enuas.

mi volus diri, ke mi nun enuas
la mondon, ke la vivon mi ne ĝuas.
ke ĉio molas kiel milda vintro,
ke tedo kaj rutino kontinuas
kaj daŭras, daŭras jam de longe.

La alia juna poeto, Gonçalo Neves, ankaŭ admirinda realaĵo de la nuna Esperanta poezio, estas tiel prijuĝita de nia protokolanto:"kiom da belo emanas el liaj poemoj! Per sonoraj aliteracioj, internaj asonancoj, lingva ĵonglado surbaze de originalaj kunmetaĵoj, surpriza uzado de prefiksoj, akuzativoj de direkto, adverboj, ktp. Neves tajlas versojn kun tiaj koncepta denseco kaj vorta ekonomio, kaj kun tia enorma sugesto-povo, ke liaj poemoj koncize kaj konotacie -nome poezie- kapablas esprimi la plej profundajn sentojn kaj spertojn, nesti en la spirito, remanenci en ĝi"... Neves partoprenis en nia Festo-omaĝo per tri originalaj poemoj:"Farso",Najbaroj" kaj per ĉi tiu

kiun ni aperigas: PLENDO.-

Mi, la Tero, protestas!
Riĉoj naturaj? ne multaj postrestas!
Peĉkovre la birdoj ne nestas!
Haladze la maro jam pestas!
Arbaroj nur cindre sin vestas!
La leĝoj? ŝimhonte tirkestas!
La homo? fuŝrampe bestas!
kokfiere krestas!
pistole gestas!
sangverŝe festas!
kunhomon arbalestas!
Eostas murdoj kaj same uestas!

Kaj vi, Dio, pludaŭre siestas...

La koruso "Unum Cor" kantis antaŭ la fermo de la dua sesio. Kaj per konciza resumo pri la konsisto de la venonta tria kaj lasta sesio, nia protokolanta amiko metis finan punkton al la densa tiutaga programo.

# Kvara kongrestago.- Tuttaga ekskurso.

De la naŭa matene ni ekekskursis al la tiel nomata "Cañadas del Teide", ĉeno da montoj je ĉirkaŭ 2400 m., laŭcirke preskaŭ fermantaj la gigantan konuson de monto Teide (3718 m.), kaj konsistantaj el bazaltoj, tavoloj da nigra lafo kaj vulkanaj tofoj. La busoj komencis grimpi sur zigzaga vojo inter verdaj kampoj, altaj korpulentaj eŭkaliptoj kaj kanariaj pinoj, sed iom post iom laŭ la soriro al altaĵoj, kelkfoje sub la nuboj, ofte super ili, oni povas vidi kiel ŝanĝigas la pejzaĝo, ĉio fariĝas okra, griza aŭ bluema ĝis oni atingi nur perceptas kvazaŭ lunecajn bildojn, abundajn je krateroj diversdimensiaj, strangajn kreskaĵojn verŝajne nur vivantajn en tiu medio kaj amasojn da lafaj buloj. Proksimume je la dekunua ni atingas la Centron por Vizitantoj de la naturparko "Las Cañadas", kie ni haltis por rigardadi ekspozicion kaj filmon pri birdoj kaj plantoj lokaj. Poste, ni daŭrigas nian veturadon ĝis "Los roques de Garcia) unu el la plej mirigaj lokoj de la insulo, kie aperas kuriozaj monolitoj aspektantaj kiel kapricaj ŝtonfiguroj...Vere, tre originala loko prezentanta panoramon tute neimage-blan, unikan!

Post nelonga vagado, ĉar la suno ne plu varmigis sed senkompate bruligis nin, ni iris ĝis la kaldrono de Orotava, loko bone provizita de ombroj el densa arbaro kaj de manĝotabloj, kiuj ebligis al ni trankvile



manĝi niajn respektivajn piknikojn kaj ripozadi sufiĉan tempon. Poste, ni reveturis survoje al Puerto de la Cruz tra arbaroj de subtropika valo de Orotava, plej riĉa je verdoj, pinoj kaj bananujoj. Antaŭ ol eniri en la urbon Puerto de la Cruz ni vizitis la Botanikan Ĝardenon, kiu enhavas plantojn kaj arbojn el la kvin kontinentoj.

Post promenado tra la urbo, rendevuo en unu el la plej gravaj placoj, kie la Vicurbestrino inaŭguris memorplaton honore al Esperanto. La Prezidanto Alonso dankis la ĝentilecon de la urboreprezentanto per bela paroladeto. Kaj kiel finon de tiu agrabla tago ni havis bonan vespermanĝon oferitan al ni de la Urbestraro de Puerto de la Cruz ĉe "Complejo Municipal Martianez", tre bela loko apud la maro por plaĉa ripozado. Sufiĉe malfrue, sed kontente ni revenis al La Laguna.

# Kvina kongrestago.- Fino de la Lirika Festo.

Mateno kun diversaj aranĝoj en pluraj salonoj de la kongresejo. Mateno dediĉita al specifaj Fakoj aŭ taskoj kun jenaj karakterizoj: ekzamenoj de ILEI, informo-debato pri somerkurso, instruado de novaj lernantoj fare de Añó, kaj prelego pri "Subjektiva prezentado de La Laguna el historia kaj arta vidpunktoj" de prof. A.Aleman. La kongresanoj vizitis la aŭlojn laŭvole, laŭbezone aŭ laŭprefere. Sendube interesa tiu ĉi laste menciita prelego,kiun multaj el ni profitis, ĉar dum la tuta posttagmezo, laŭ programo, ni devis viziti la artaĵojn de La Laguna, pro kio la brila referenco de prof. Aleman estis pli ol utila kaj oportuna.

Post la vespermanĝo, tria kaj lasta sesio de la "Unua Lirika Festo de HEF": ĉifoje lirika-muzika spektaklo titolita "La profil' de viaj spuroj" aranĝita de nia poeto Miguel Fernández surbaze de poemoj nur siaj, kaj muzikigita de Pedro Vilarroig, direktoro de la ĥoro kaj orkestro "Verda Stelo" de Madrido.

Estas absolute neeble resumi iomete fidele ĉi tiun longan sesion, kies teksto estis egala je tiu de kompleta ekzemplero de "Boletin", mi eĉ ne povas fari kiel en miaj kronikoj de la antaŭaj sesioj, ĉar en tiuj mi nur devis speguli poemon kaj komenton pri ĉiu poeto, kaj en tiun ĉi eniris alia nova elemento, nome la muziko, kiun, evidente, mi ne povos reprodukti.

La poemojn jes, ĉiuj ili originale verkitajn de M.Fernández, mi publikigos iom post iom en nia revuo, tial kun tiuj indikitaj limigoj mi intencos kroniki la lastan sesion.

Malfermis la sesion la Grupo Amalgama per tipaj kantoj. Tuj, de sur la rivalto, samideano Fernández prezentis la spektaklon, unue ekzaltante la laboron faritan de ĉiuj rolantoj en la Festo, kaj precipe tiun de Pedro Vilarroig, Ana Manero, Pedro Garrote, F.Moral kaj la ĥoranoj. Al ĉiu el ili ni tutkore dankas en la nomo de HEF.

Tuj sekve la protokolanto kaj direktoro de la spektaklo eksplikas kiel naskiĝis la ideo pri tiu ĉi muzika-poezia sesio: "mi konstatis pasintjare en Sant Cugat, la plezuron de la hispanaj esperantistoj aŭskulti poezian -kantan spektaklon en Esperanto; mi, miaflanke, daŭre strebis al la plena ĝuado de nia lingvo kaj al la rekta kontakto kun la publiko: ili avidis gustumi ĉiun vorton, ĉiun sonoron, ĉiun registron de nia lingvo, por mergi sin en ĝian fundon, tie sin delekti kaj trempiĝi en ĝia esenco. Mi volis doni al tiu speciala publiko plej purajn intensajn kaj nuntempajn poeziajn korbatojn en Esperanto. Kaj kun la kunlaboro de Vilarroig ni muntis la spektaklon: "La profil' de viaj spuroj".

Leviĝas la kurtenoj kaj la koruso kantas "Idili'"... Kaj la poeto diras: "Inter la fadenoj de l' silento, aedoj kaj rapsodoj, bardoj, menestreloj kaj trubaduroj, poetoj-kantistoj laŭvice, iom post iom, grade inicos vin en la sakralan ritaron, per kiu la spirito turniĝas en spiraĵon. Silento kaj poemoj". Miguel komentas la eternan dilemon pri vivo kaj morto, mirinde bele, kaj emfazas la feliĉajn horojn de vera Amo... kaj deklamas sian poemon:

AMTEMO.-

Tiele: side, strande,
glutante la krepuskon en lontano
per bovlo kun mil ŝaŭmoj,
transpasi vin per amo, mia amo. ktp.

"jen burĝonas la poemo aŭ la muzikpeco, alojeblaj en kanzono, en ĥoran aŭ solistan kanton, en recitado kun akompano de muzikiloj, kiel je la komenco de la liriko en la antikva Helenujo. (Kaj en tiu momento la ĥoro "Verda Stelo" interpretas Amtemo: jen la poemo muzikigita).

"Poezio kaj muziko. Poezio, muziko kaj amo. Kial ne la amo? Ĉu ne pro amo la homo fariĝas dio, la homo ĉirkaŭprenas la universon, kaj pro senameco li sinkas en la plej obskurajn ombrojn". Kaj la orkestro inundas la aeron per sonoroj. Kaj, kune, poemo kaj instrumentoj, ĥoraj voĉoj kaj orkestro, ritmo kaj harmonio, eternigas ĉi tiun transcendan momenton de la animo".

"Jen, mi ĉeestis ĉe krea ago: la starigon de poezia medio. De supermezura amo. Kiel fono, jen sensa mikrokosmo preskaŭ palpebla dank' al ĉiam surpriza miraklo de la poezio kaj muziko. Subteraj hundoj, tamen, bojas, svenigas la paradizon, kaŭzas la fuĝon de la amatino. Fine, soleco kaj revoj. Sed kiel aspektus tiu sensa ekzaltiĝo se la bojado de la hundoj rolus ne esence sed orname?. Amo, amoro sen brido". Kaj la poeto deklamas la poemon:

TARDE.-

Mi venos tarde.
Mi volas ĝui l' nokton, plejan mion.
Bulvarde
sin banu mia korpo
sub volbo stelo-fola
per magi' de freŝa nokto frua. Ktp.

"Paroksismo de plezuro kaj ekstazo, transfiguriĝo, rekta soriro al Empireo. Kiel mizeraj la vortoj sin prezentas, se oni strebas al denotacia kvintesencigo de la altaj animstatoj. Kiom da netravadeblaj torentoj! La poeto deziras transigi al ni plej freŝa vitalan sperton, amon plenumitan. Ĉu ne mirinda miraklo, tamen, proksimiĝi al la emocio ĝis kvazaŭa palpado?"

Kaj la poeto proponas alian poemon por tiu animstato, kaj la rapsodo deklamas la poemon:

TUJA.-

Tuja:
aŭguro aŭ suspekto aŭ percepto,
supozo aŭ sensado, profetaĵo
pri am' aŭ sindetruo aŭ stertoro
plej plaĉa, ho eterna tempo-grajno
tiel korskurĝa kiel morto! Vivo
la pleje viva: vi, sentata tuja. Ktp.

Kaj la poeto haltas. "Venis la nokto, tiu natura spaco de la grandaj misteroj kaj elanoj dionizaj. De ĥimeroj kaj frenezoj. De la geamantoj... La nokto. Aŭskultu ĝian mutan dialogon kun la astroj, ĝian silentan spiradon, ĝian lantan paŝadon tra la horoj, kaj repaciĝu kun vi mem sentante vin atomo de la kosmo per la magia efluvo de la stela scintilado. Lasu vin prisonĝi de la nokto. Lasu vin gvidi de la nokto al la amo. Ja la nokto daŭre elkovas la amon. Geamantoj, estas nur noktidoj, la preferataj sonĝoj de la nokto". Kaj en tiu momento, la poeto mem deklamas:

NOKTIDOJ.-

NOKTIDOJ.-

La nokto ĵus prisonĝis nin. Ĉi-nokte
akuŝis nin en glaúka
valhal'. Memoru, kiel
du nuboj kreskis, fulme kristaliĝis
en min kaj vin: la amon
ĉu vi timas? Ktp.

Kiel okazis antaŭe, ofte la muziko povas komplementi la poemon per la harmoniaj sonoj de melodioj. Kaj jen la miraklo plenumita, ĉar Laura Carballo, eminenta kantistino kaj gitaristino el Kostariko, aperas en la scenejo kaj kantas saman poemon, "Noktidoj", konvene muzikigitan.

Post la mirinda bela kantado de Laura Carballo, lumludo kvazaŭ vekas nin al la realo, kaj la poeto pripense analizas sian sonĝon: "Lumsparko solvas dis la nokto-sonĝon. Pereis la ama ligo. Ho, kial la amo tiel efemeras? Ekas la fizika disiĝo de la geamantoj. Kulpis...la efiko de la lumo sur la idojn de la nokto, simpla ekbrilo, nura ero de tempo, preskaŭ nenio, sed terure tranĉa, kruele disŝira"... "Disfadeniĝis amo. Kaj amrompiĝo, tia hidro de multkapeco jam de la komenco antaŭsentita kiel bojanta hundaro, brutale knutas la geamantojn"...

"Lasta ĝiso: dumduma kuglo. Restos poste la lumo kriante sian verdon gal-amaran en la plej sombra ombro de la poeta voĉo en solece agonia deklamante sian poemon...

PRI LA ANGOR' SONORA.

Angore,
angore fora,
Fore
de la nektar' amora
skvare
odoras mi dolorojn
kaj amarojn.
Min mare
erodas la stertoroj,
de niaj amo-jaroj. Ktp.

"La rememoroj vundas. Sinkopis ne la amo, nek ĝia adhereco al la amanto. Ja la tempo faŭlis. Nun, disiĝo, disto kaj amaro. Kaj ŝia nomo daŭre bruliganta liajn lipojn. La poeto enprofundiĝas en la paseon. Kaj lia rigardo ade kaj dolore pentras, enpenetras ĉiujn konturojn, repenikas sur la jam stompitaj bildoj, provas redoni la kolorojn de la hieraŭo en iliaj variaj grandeco kaj riĉo. Kaj freneze senĉese **kaj sezame ripetas**":



## JEN LA PROFIL' DE VIAJ SPUROJ.



Duondorme
stringante la gemon de l'.pase',
atende...
mi interimplikas mornajn melodiojn
per la lango,
bordumo de gitaro aú la liko
de mia senespero:
tuj ovumis per forges' via amo,
post ol ĝi naskiĝas,
kaj erarvagas en dezerto. Ktp.

"Doloro suverenas. La paseo doloron sekrecias. Dolorigas en la prezenco, sen ŝi, vrakas la aĵoj kaj la homoj. Doloras la obskura futuro, eĉ konjektata en kuneco kun la amatino kaj la doloro iĝas poemo. Kaj la poemo, kanto:

## EL NIA NIO INTA...

El nia nio inta -du lamentoj,
du nigroj dise drivi kondamnitaj,
du frostoj, du stuporoj viv-evitaj,
du ŝrikoj, du elvokoj, du turmentoj. Ktp.

Kaj post la deklamado, la poeto mem kantas saman poemon majstre muzikigitan. Kaj la poeto pensas pri ŝi: "Ŝi. Nur ŝi. En la aútuna vento. En la guto da pluvo. En la vintra blizardo... Ŝi, en la penso kaj eĉ en ĉio nepensata.Kiel arpeĝo senfina. Kiel plej sorĉa voko: "tuj revenu".

"Ek do al ŝi returne, amanto! Ek al la fonto de via inta vivo kaj de via nuna morto ĉiutaga!" Kaj spontane la poeto deklamas la versojn de la poemo:

## RETURNE.

Returne jam el ombroj, el buraskoj,
el veoj kaj forestoj, konvinkite
pri am' al vi; returne
el preterit' lancina;
returne jam el kisoj kaj returne
el la insulaj soloj, jen mi surfas
ĉe viaj rifoj re kaj recidivas. Ktp.

"Ho ve, enorma tristo de la homo sen nomo kaj iamo, forgratitaj el ama palimpsesto de la amata estaĵo. Definitiva disiĝo. De nun, nek ĝuoj nek turmentoj. Nur, spleno kaj torporo kaj vakuo: la animo restis fore. Kaptita. Serĉante

sian voĉon, sian pulson, sian kapablon ami. La tempo metis fermaton super la tenebrojn. Rilate lian korpon, ĝi falis en letargion. Kvazaŭmorten. Vel...

"Ĉion spite la amo ne pereis. Pereas ne la amo, sed la amoj. La amo nur perdiĝis en la terura nokto de la brulanta ŝtiparo kaj nun vagadas tra la spaco, tra astroj, mondoj, galaksioj...verŝante sur ilin sian altirpovon. Tial primaraj kosmaj fortoj -la tero, la maro, la suno, la fajro, la vento, la arbaro... -sentas sin forprenataj de intensa kunfanda impulso celanta universalan aman unuiĝon".

" Kaj dank' al tia altiro, la voĉo kaj la pulso kaj la kapablo ami alhastigos la animon. Kaj la animo, siavice -samkaŭza- forflugos de la kreneloj turaj en la korpon letargian. Kaj li subite ricevos reviviĝan banon de intensa doloro".

"La vekiĝo el tiom da doloro -la doloro el la soleco, el la estanteco, kiu havas sencon nur per la paseo- tia vekiĝo respondas al kosma elano, estas ia resurekto". "Iam ree, neatendite, alsaltos lin la amo sub nova vizaĝo, nova voĉo, novaj okuloj. La vundoj alitempaj cikatriĝos, kaj la amrado faros duan rivoluon. Sed tio estos alia historio. La nian jam ni finu, vaganto. Tuj aŭroros.Tuj la lasta braĝo estingiĝos. Ni danku Eratoan, kaj, adiaŭe, la poezio helpu nin integriĝi en la ĵus bildigitan universon el kosma solidareco, el kosma erotiko, kie eblas la neeblo: amori kun la akvo...

Kaj
subite
en kalma nokto
la senso -raba nokto
-amik', amanto de la akvo-
luma palpit' el mi ne scias kie
kaj via tikla humideco sur la poroj
metis la splenan kordon miabrustan en vibradon.

Kaj la parolo de l' poeto perdiĝas en la fono... "Adiaŭ do vaganto. Streĉu la aŭdosenson dum paŝado, kaj vin delekte envolvos la ĉiam nova simfonio de la kosmo, ĝiaj ĉiam ravaj voĉoj. Ni lasu nin invadi de la priamaj vokoj de la konstelacioj. Alfa-Centaŭro, Pegazo, Oriono, Perseo, Andromeda... senĉese ñoras invitante ĉiujn kreitaĵojn al universala kunfandiĝo. Jen la tuta universo kantas pri tia Amo, Amo, Amo kun majusklo".

La koruso "Verda Stelo" interpretas la simfonion "Kosmo"...

Kaj tiel finiĝis la tria kaj lasta sesio de la Unua Lirika Festo de HEF, dum la aplaŭdoj arde batadis!

# Sesa kaj lasta kongrestago.

Programeroj similaj al tiuj okazintaj hieraŭ matene: fakaj kunsidoj, prelegoj, fermo de la Servoj, ĉiu el ili vizitata laŭprefere de la kongresanoj.

Posttagmeze, solena fermo. La Prezidanto resumas la atingojn de tiu ĉi kongreso: unuavice la omaĝon al prof. Régulo, poste la strebadon en niaj Asembleoj por aktualigi nian Regularon kaj ekonomion, kaj ankaŭ la Statuton de "Fundación Esperanto". Specialan mencion por la UNUA LIRIKA FESTO DE HEF, fakte admirinda realaĵo.

Post la parolado de la Prezidanto venas emocia protokolaĵo: livero al la gelernantoj de la Diplomo pri Esperanta kapableco al tiuj kiuj laŭlonge de la kongreso lernis la unuajn lecionojn de Esperanto sufiĉe intense kaj en la koncernaj ekzamenoj montris sian kapablon. Ili ricevis ankaŭ kiel premion...ĝeneralan aplaŭdadon de la tuta kongresanaro staranta.

En la vesperiĝo, Oficiala Bankedo en la ĝardenoj de "Kazino Taoro" de Puerto de la Cruz, regalo de "Cabildo Insular", kie la koruso "Amalgama" unue, kaj poste la fama folklora Grupo "Los Majuelos" direktitaj de Francisco Diaz kaj José Suarez, kantis kaj dancis folklorajn kanzonojn tipajn de la Kanaria Insularo. Fine, ĝi, la Grupo kantis la premieron de la muzika verko de Valencia Majstro Félix Navarro Clemente "Ho, mia kor'!"

Tiel oni metis finan punkton al la 51a HEF-kongreso, memorinda pro diversaj motivoj, sed precipe ĉar ĝi estis omaĝe dediĉita al prof. Don Juan Régulo Pérez. Dankon, plian fojon, al la OKK. Dankon al ĉiuj kunlaborantoj.

La Redakcio.

******** *** ******** *** ********

NOTO.- En la venonta numero de "Boletín" ni publikigos liston de ĉiuj mondonacoj por aĉeti KOMPUTILON por la redaktado de nia bulteno.

***** ********** *****

